IRANA ESPERANTISTO
IREA
Irana Esperanto-Asocio
پیام سبزاندیشان
Kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto
N-ro: 18, Dua Serio, Somero 2016
فصلنامه ی فرهنگی دوزبانه ی فارسی و اسپرانتو
شماره ۱۸ ، دوره دوم، تابستان ۱۳۹۵


# IRANAJ E-ISTOJ PIONIRAJ

Okaze de la 100-jariĝo de la movado en Irano, ni prezentas al vi pionirojn de la lingvo en nia lando.

# پیشگامان اسپرانتو در ایران

به مناسبت یکصدمین سال آغاز جنبش اسپرانتو در ایران، در مقاله‌ای به زبان اسپرانتو به معرفی پیشگامان این حرکت پرداخته شده است.

# Angla kaj Esperanto; Ne Mal-amikoj!

Esperanto kiel forta ilo por ellerni anglan

# امکانات نوین آموزشی؟

ترجمه مقاله‌ای از مجله اسپرانتو درباره استفاده از فن‌آوری‌های نوین برای آموزش و یادگیری

# Metioj de la Sezonoj

Originala poemo en Esperanto far D-ro Sayyadpour

# دور دنیا در ۷۹ روز

بیستمین قسمت از داستان جذاب سفر مانل و یواخیم به دور دنیا را در این شماره مطالعه کنید.



Elahe Ŝadidi, Irana Artistino E-ista

*Je la nomo de Dio*

IRANA ESPERANTISTO
IREA Irana Esperanto-Asocio

Pajam-e Sabzandiŝan
(Mesaĝo de Verdpensuloj)
ISSN 1728-6174

IRANA ESPERANTISTO
Kultura kaj sendependa sezon-revuo internacia
Dua serio, N-ro 18, Aŭtuno 2016

Bonvenas eseoj, artikoloj, raportoj kaj kontribuaĵoj kondiĉe ke ili ne estu publikigitaj antaŭe. Bonvenas kultur-temaj kontribuaĵoj ĉu en Esperanto ĉu en la persa.

***



## قبل از هر چیز...

به اطلاع خوانندگان گرامی مجله می‌رسانیم که با هدف جبران تاخیر در انتشار مجله که مدتی است به جای ابتدای هر فصل، در پایان هر فصل منتشر می‌شد، این شماره با درج مقالات و نوشته‌های عزیزان همیشه پشتیبان مجله حضورتان تقدیم می‌شود و از ارائه اخبار و وقایع دنیای اسپرانتو صرف‌نظر شده است. به این ترتیب حدود یک ماه از تاخیر زمانی جبران شده و چنان‌چه شما دوستان مطالب خود را در اسرع وقت ارسال نمایید، می‌توانیم امیدوار باشیم که شماره بعدی مجله با تاخیری بسیار ناچیز منتشر شده و از شماره بیستم به بعد در موعد مقرر در دسترس علاقه‌مندان قرار گیرد. مجموعه خبری نیمه اول سال (بعد از برگزاری کنگره سوم تا ابتدای پاییز) را نیز در شماره بعدی ملاحظه خواهید کرد.

تصاویر رو و پشت جلد به همراه یک صفحه داخلی این شماره را به معرفی هنرمند عزیز، سرکار خانم الهه شدیدی اختصاص دادیم و سعی کردیم در این فضای اندک نمایشگاهی بسیار کوچک از آثار ایشان را در معرض دید خوانندگانمان قرار دهیم. جا دارد از سرکار خانم شدیدی که سالیان زیادی است از جنبش اسپرانتو در ایران حمایت نموده و در بسیاری از نشست‌ها و مراسم انجمن حضور می‌یابند، تشکر و قدردانی نماییم.

به نام خداوند جان و خرد

پیام سبزاندیشان

فصل‌نامه‌ی پژوهشی - فرهنگی دوزبانه‌ی فارسی و اسپرانتو

دوره دوم، شماره هجدهم، تابستان ۱۳۹۵
شماره استاندارد بین‌المللی (ISSN):
۱۷۲۸-۶۱۷۴
تاریخ انتشار نخستین شماره: پاییز ۱۳۸۱



گرافیک وحروفچینی: سبزاندیشان

نشانی‌ها:
پایگاه اینترنتی: www.espero.ir
پست الکترونیک: info@espero.ir

### Kontribuantoj ĉi numere

* Ali Moradi
* Keyhan Sayadpour
* Simin Emrani
* Elahe Shadidi
* Ali Asghar Kousari
* Hamed Sufi
* Hamzeh Shafiee
* Ahmad Reza Mamduhi
* Sajjad Dashtinejad

### Mallongigoj uzitaj en ĉi tiu numero

IREA: Irana Esperanto-Asocio
IREJO: Irana Esperantista Junulara Organizo
IREK: Irana Esperanto-Kongreso
IRLEI: Irana Ligo de Esperantistaj Instruistoj
UK: Universala Kongreso



## Antaŭ ol ĉio...

Necesas danki S-ron Ali Asgar Koŭsari kies valora artikolo pri la “Iranaj Esperantistoj Pioniraj” estas prezentata en tiu ĉi numero. La artikolon S-ro Koŭsari preparis okaze de la 100 jariĝo de la movado en Irano. Menciindas ke por memor-festi tiunĉi gravan majlo-ŝtonon en nia movado, Irana Esperanto Asocio aranĝos fest-kunvenon 30-an de septembro post-tagmeze je la 6-a horo en IREA-Oficejo.
En tiuĉi numero mankas la kutima rubriko: novaĵoj. La kialo estas ke por ĝustatempigi la aper-ritmon de la revuo, ni decidis kolekti la novaĵojn por la aŭtuna numero kiu publikiĝos komence de aŭtuno, nome je la ĝusta tempo.
Sendu viajn artikolojn kaj novaĵojn kiel kontribuaĵo por pli riĉigi la enhavon de la revuo. La limdato por la venonta numero estas meze de Septembro.
Hamzeh Shafiee, la redaktoro

### Kovrila kaj Lasta Paĝo:

Prezentado de verkoj de irana esperantistino, Artistino desegnisto, S-ino Elahe Ŝadidi

### همکاران تحریریه این شماره:

* علی مرادی
* کیهان صیادپور
* سیمین عمرانی
* الهه شدیدی
* علی اصغر کوثری
* حامد صوفی
* حمزه شفیعی
* احمدرضا ممدوحی
* سجاد دشتی‌نژاد

### طرح‌های پشت و روی جلد:

گزیده‌ای از آثار اسپرانتودان عزیز، هنرمند گرامی، سرکار خانم الهه شدیدی

# En ĉi tiu numero:



**4** "Metioj de la Sezonoj" estas la nomo de originala poemo de D-ro Keyhan Sayadpour. La poemo belege priskribas la kvar sezonojn.



**6** Ni rememoras niaj E-istoj pioniroj kaj mencias ilian gravan rolon por la disvastigo de la lingvo en Irano.



**13** D-ro Sufi en sia artikolo prezentas Esperanton kiel forta ilo por ellerni anglan, kaj montras ke la du lingvoj ne estas malamikoj.



**23** Legu la interesan rakonton kiun sendis nia kara samideano, S-ro Fekri.



# در این شماره :



**۵** روی جلد، پشت جلد و یک صفحه در داخل این شماره از مجله به معرفی دوست اسپرانتودان عزیزمان، سرکار خانم الهه شدیدی و تعداد بسیار اندکی از آثار ایشان اختصاص یافته است.




**۲۴** داستان سفر دور دنیای اسپرانتودانان اسپانیولی همچنان جذاب و خواندنی است. در این شماره بیستمین قسمت از این سفر پرماجرا را دنبال خواهیم کرد.




**۲۹** اخیراً پای گروه‌های اسپرانتویی به نرم‌افزار تلگرام هم باز شده است. مصاحبه با یک اسپرانتیست رباتساز تلگرام حتما جالب است.



**۳۰** مطالعه ترجمه مقاله‌ای از مجله اسپرانتو درباره امکانات نوین آموزشی و آکادمی خان را به شما توصیه می‌کنیم.



# Metioj de la sezonoj

Keyhan Sayadpour

Printempo estas la bufono de la sezonoj:
Verde vestita kaj malkvieta, tamen
amuzanta per siaj najtingal-kantoj,
papili-dancoj kaj akvoŝprucado.

Somero estas la forĝisto de la sezonoj:
Brune vestita kaj malplaĉe ŝvitanta sub
la varmego, tamen produktanta multajn
bezonaĵojn.

Aŭtuno estas la rubisto de la sezonoj:
Oranĝe vestita kaj malĝojiga, tamen
puriganta la arbojn de la mortintaj
folioj.

Vintro estas la kuracisto de la sezonoj:
Blanke vestita kaj pikanta per sia frida
injektilo, tamen daŭriganta la vivon.

# Elahe Ŝadidi
# Irana Artistino, Esperantistino

Preskaŭ ĉiuj membroj de Irana Esperanto Asocio konas talentan esperantistinon kiu partoprenas de tempo-al-tempo en IREA-kunsidoj. Ŝi estas S-ino Ŝadidi kies artaĵojn ni prezentas en tiuĉi numero de la revuo. Sur la kovril-paĝoj (fronta kaj lasta paĝoj) kaj en tiu ĉi paĝo, vi povas spekti galerieton de ŝiaj desegnaĵoj.











La ĉefa artikolo de tiu ĉi numero estas preparita fare de nia kara samideano, S-ro Koŭsari. Li kolektis valorajn informojn pri la pioniraj iranaj Esperantistoj.



ESPERANTO

اسپرانتو

زبان دوم، زبانی برای همه

کنفرانس علمی دربارهٔ زبان جهانی اسپرانتو

سخنران: دکتر ناصرالدین صاحب‌الزمانی



اعلان

زبان اسپرانتو

La lingvo Esperanto





IREJO - Bulteno







مرکز خدمات زبان اسپرانتو

# Iranaj Esperantistoj Pioniroj

## Enkonduko

***Ekde la komenco de Esperanto Movado en nia lando Irano, multaj homoj patronis, helpis kaj kontribuis ĝin. Ili estas kiel pioniroj kiuj sincere kaj elkore servis nian movadon. Inter ili troviĝas viroj kaj virinoj, junaj kaj maljunaj, famaj kaj nefamaj.***
***Iuj kontribuis per siaj verkoj kiel libro aŭ artikolo. Iuj eĉ per sia mono. Iuj aliĝis al internaciaj asocioj i.a. UEA. Iuj eĉ ne estis Iranano, sed loĝis en Irano kaj patronis ĝin.***
***Nun en tiu ĉi artikoleto mi skribas pri iranaj pioniroj. Menciindas ke jena raporto ne tute estas perfekta. Ŝajnas al mi ke multaj aliaj pioniroj kontribuis al irana movado, pri kiuj ankoraŭ ni ne havas detalajn informojn.***

**Reza Sadr:** Li estis ĵurnalisto, kies artikoloj tradukitaj el Araba lingvo aperis en famaj ĵurnaloj siatempe.
Li instruis Esperanton senpage en Tehrano dum la jaro 1916 kaj poste.

**Ebrahim Sadr:** Li instruis Esperanton senpage en Tehrano dum la jaro 1916 kaj poste.

**Jusef Etesamolmolk:** Unua homo kiu skribis artikolon pri Esperanto en perslingva gazeto nome Bahar (printempo).
Do lia artikolo estas la unua pri-Esperanta artikolo en Irano kaj grava mejloŝtono de E-Movado en Irano.


لغت جدید اسپرانتو (۱)

La Espero in Esperanto.
En la mondo venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko,
Per flugiloj de facila vento,
Nun de loko flugu ĝi al loko.




**Moĉul Mosavar Rahmani:** Ŝi estis unu el instruistinoj kiuj instruis Esperanton senpage en Tehrano dum la jaroj 1916 kaj poste, kaj ankaŭ verkis artikolojn pri Esperanto en gazetaro. Ŝi estis edzino de Ŝejdani, la patro de Esperanto en Irano. Antaŭ 100 jaroj en la revuo "Nova epoko" aperis perslingva artikolo nome "La statistiko de la lingvoj en la mondo", kies tradukinto estis s-ino Moĉul.



**Ahmadkhan Jazdani:** Li kaj estis unu el instruistoj kiuj instruis Esperanton senpage en Tehrano dum la jaroj 1916 kaj poste. Li profesie laboris en Policoficejo. Li partoprenis en la 20a UK en Belgio kun sia amiko Mohammad Raŝti. Li ankaŭ estis estro de PEA (Persa Esperanto Asocio).





اعلان
زبان اسپرانتو
La lingvo Esperanto
برای تحصیل اسپرانتو رجوع کنید
(۱) چهارراه حسن آباد کوچه محمد علی درشتی کوچه حمام شب یکشنبه و چهارشنبه باقا میرزا احمد خان
(۲) خیابان منتظم دربار کوچه حاجی مستشار دفتر نمره ۳ شب شنبه و چهارشنبه باقا میرزا احمد خان
(۳) کوچه قوام دفتر عصر سه شنبه و جمعه (موچول مصور)

**Bahman Mirza Ŝejdani:** Li ankaŭ estis unu el instruistoj kiuj instruis Esperanton senpage en Tehrano dum la jaroj 1916 kaj poste. Sed lia fameco kiel "Patro de Esperanto movado en Irano" estas pro liaj lernolibroj, "Internacia lingvo" (perse → Lesane Omumi) kaj "Esperanto en 20 lecionoj. Li laboris en la ĵurnaloficejo "Tondro" (perse → Raad). Li ankaŭ estis honora prezidanto de PEA (= Persa Esperanto Asocio).


هدیه
Dediĉita al miaj Karaj idaoj
F^lle Mari kaj Farahbaĥŝ Ŝidani
لسان عمومی اسپرانتو
مصنف: دکتر زامنهوف
Esperanto elpensita de
D^r L. L. Zamenhof
تألیف بهمن شیدانی
Verkita de BAHMEN ŜIDANI
طبع دوم
dua eldono
Ĉiuj rajtoj rezervitaj
Prezo 5 kr. 5.







**Ahmad Kasravi:** Kasravi lernis Esperanton per lernolibro. Li en la fama libro de Bahman Ŝejdani rakontas ĉi-rilate. En siaj perslingvaj libroj li mencias Esperanton kaj rakontas pri sia E-vivo. Li verkis tute arab-lingvan lernolibron nome "Faktoj pri Esperanto". Li ankaŭ kunfondis E-Societon en Tabrizo.














**Amir Mohammad Amir Jahed:** Li estas fondinto kaj verkinto de perslingva jargazeto "Pars". En la menciita revuo aperis artikolo pri Esperanto. Ĉu li estis ties verkinto ?




پارس ۳۴
برابری می کند — با این زبان عمومی می توان در عالم سیر و سیاحت نمود و بامکاتبه احتیاجات شخصی و اجتماعی را انجام داد
مجمع اتفاق ملل در سال ۱۹۲۴ رسماً این لسان را تقویت و حمایت نمود و امروز در بسیاری از کنگره ها و مؤسسه های رسمی تجارتی اسپرانتو را استعمال مینمایند — در ماه اوت ۱۹۲۷ نوزدهمین کنگره عمومی اسپرانتو با حضور شش هزار نفر نماینده در دانتزیک تشکیل گردید — مجمع اسپرانتیست های ایران P. E. A در سنه ماضیه در طهران تشکیل و هیئت رئیسه آن از این قرار است:
آقای بهمن شیدانی رئیس افتخاری — آقای احمد یزدانی رئیس
آقای کاظم صفاری منشی — آقای عباس خان دواجی تحویلدار



**Vaghinak Serkisian:** Lia letero aperis en la libro de Ŝejdani. Li rakontas tie pri sia esperantovivo. Li tradukis iranan fabeleton en Esperanto kaj sendis ĝin al revuo "Kavkaza e-isto" en la jaro 1911. La artikolo aperis en jena revuo sub la pseŭdonimo "Vasaro". Serkisian verkis multajn artikolojn pri Esperanto en la Armenlingva revuo.

**Mohammad Ruhani Raŝti:** Li ekkonis Esperanton per sia amiko Ahmad Jazdani kaj partoprenis kune en la 20a UK en Belgio en la jaro 1928. En la jaro 1925 lia nomo aperis en jarlibro kiel UEA-delegito en la urbo Raŝt.

**Amir Gholi Amini:** Li estis redaktoro de la perslingva ĵurnalo "Aĥgar", kiu estis aperita en la urbo Isfahano ekde la jaro 1929 ĝis 1934. Li estis delegito de UEA en sia urbo Isfahano kaj enpersigis libron el E-lingvo nome "mallongaj rakontoj". Li ankaŭ verkis artikolojn Esperanto-teme en sia ĵurnalo kaj aperis unua-foje lia artikolo en la ĵurnalo "Sehat" trakukita el Esperanto.





**Ali Akbar Darjuŝ nemseĉi:** (uea-delegito ekde la jaro 1923)
Membro kaj unu el estroj de la unua Irana E-asocio kies nomo estas aperita en Jarlibro 1923 "Tabriza Esperanti Stelo" .
Li tradukis lernolibron, "ŝlosilo de Esperanro" en persan lingvon kaj senpage disdonis ĝin al interesantoj.



**Jahja Doulatabadi:** Li ne estis Esperantisto, tamen li havas altan rolon en E-movado, ĉar li en sia perslingva kvin-kajera libro rakontas pri internacia kunveno en Londono, kie oni parolis Esperante kaj eĉ kantas en E-lingvo.





**M .Abesgus:** Kvankam li ne estas irana e-isto, sed rusa, tamen menciindas kiel unu el pioniroj de Esperanto-movado en Irano. Li loĝis en Irano kaj profesie estis bankoficisto en Tehrano. Lia originala rakonto gajnis premion dum literatura konkurso en la jaro 1898 .



**Fateme Malek Moazam:** Esperantisino kies artikolo aperis antau 99 jaroj en la revuo " Nova epoko". La artikolo aperis sub la nomo Fateme Malek La lernantino de Esperanto Moazzam.



**S-ro / s- ino Eŝraghije:** Ni eĉ ne scias ĉu temas pri Esperantisto aŭ Esperantistino. Nur ni scias ke ĝuste antaŭ 99 jaroj, en la perslingva revuo " Nova epoko" ( 1917 ) aperis rakonto tradukita el Esperantolingvo. La rakonto havis la nomon "Demosten" ties tradukinto aŭ tradukintino havis pseaŭdnomon Eŝraghije.


عصر جدید (شماره ۷۱ مورخ ۱۰ جمادی الاول ۱۳۳۵ برابر ۳ مارس ۱۹۱۷)
اولین ترجمه از اسپرانتو به فارسی

**Farivar Abdollahzade:** Estas esperantisto kies letero aperis en la perslingva revuo "La Persa letero" ( n-ro 6 – 1916 ). Li en sia letero parolas pri Esperanto kaj rekomendas ĝin lerni. Profesie li laboris en la lernejo Mohammadije.

**Sejjed Ŝafi Tabatabai:** Li verkis lernolibron en la persa lingvo en la jaro 1920 (1299 sunhiĝria). Ŝajnas ke lia libro estas unua lerno libro de Esperanto en la persa lingvo. Tamen d-ro Sahebzamani en sia fama libro "la dua lingvo" skribas ke la lernolibro Esperanto en 40 lecionoj estas la unua E-libro en Irano. Sed sinjoro Tabatabai eldonis sian libron en la jaro 1920, dum la libro Esperanto en 40 lecionoj aperis en la jaro 1921 .



**Mirza Hedajatkhan Javid:** Li kun siaj aliaj du amikoj tradukis lernilibron nome "Esperanto en 40 lecionoj". La libro estis verkita per Miŝel Beker kaj Gerozhan Mopen. En la jaro 1921 (= 1300) la persa traduko de jena libro aperis per Tabriza Esperantista societo en 183 paĝoj.

Profesie li estis kaj gimnazi-estro nome Tamadon kaj instruisto de la leciono Historio en la lernejo Mohammadije. Ankaŭ poste li fariĝis vicestro de Nacia Banko en provinco Azerbajĝan. Li estis ankaŭ poeto.





HIMNO ESPERANTISTA.

LA ESPERO

L. L. Zamenhof.







**Mokhatabossoltan Moŝiri:** Li kun siaj aliaj du amikoj tradukis lernilibron nome " Esperanto en 40 lecionoj " .

La libro estis verkita per Miŝel Beker kaj Gerozhan Mopen. En la jaro 1921 (= 1300) la persa traduko de jena libro aperis per Tabriza Esperantista societo en 183 paĝoj .



**Haĝi Mokhberossaltaneje Hedajat:** Lia perfekta nomo estas Mahdi-gholi-Khan Mokhberossaltane. Li instruis germanan lingvon en la lernejo Darolfonun. Poste li fariĝis ministro kaj poste eĉ ĉefministro ekde 1927 ĝis 1933.

Ni ne certas ĉu li mem sciipovis Esperanton aŭ ne. Tamen li patronis E-movadon kaj helpis aperon de la libro "Esperanto en 40 lecionoj".




**Mirza Ebrahimkhan Ŝabani:** Li laboris kiel tradukisto en la ministero pri eksteralandaj aferoj. Li naskiĝis en la jaro 1880 en la urbo Haĝitarkhan kaj en la urbo Moskvo lernis en Lernejoj .

**Mirza Reza Arfaoddole Daneŝ:** Li estis irana delegito kaj ambasadoro en La ligo de Nacioj. Li estis unu el subskribantoj de propono pri Esperanto en la jaro 1921 kaj defendis Esperanton. Helpis lin sinjoro Edmond Privat kiel ano de Irana Delegacio.





**Emiro Zokaoddole:** Li ankaŭ estis ano de Irana Delegacio ĉe La ligo de Nacioj. Li subskribis unuan proponon la 11an de decembro 1920. Dokumento A.194.



**Ali Reza Taheri:** Li estis reprezentanto de la revuo Amikeco dum jaroj i.a. Dum la jaro 1926. Lia nomo aperis en Jarlibro kiel delegito en la urbo Arako (Soltanabad) dum la jaroj 1926 kaj 1932 . Li profesie estis komercisto pri tapiŝo.

**Ardash Hurhanisans:** Li loĝis en Tabrizo kaj laboris en Reĝa banko. Lia nomo aperis en Jarlibro kiel unua irana delegito en la jaro 1912 , 1916 kaj 1920. Sinjoro Nemseĉi mencias lian nomon kiel prezidento de Tabriza Esperanto Societo.

**A. Saĝĝadian:** En la urbo Abadan kaj B.Zolin el Tehrano estis uea-delegitoj en la jaro 1957 (=1336).

**Abolghasemkhan Rastegar:** Aperis lia artikolo en iu revuo en la jaro 1931 (=1310) pri Esperanto en la persa lingvo. Ankaŭ en la revuo Nova epoko, 1916 aperis lia nomo kiel konribuanto pri Esperanto, kvankam ne aperis lia artikolo pro manko de paĝo.

**Eŝragh Khavari:** Li loĝis en la urbo Masjed Solejman kaj skribis artikolon kio aperis en la revuo Armaghan perslingvo en la jaro 1931 (=1310 ).

**Ali Ŝirazpur:** Li naskiĝis en la urbo Kangavar kaj iam estis irana diplomato en Hindio. Li instruis Esperanton en lernejo. Li estis ĵurnalisto kaj lia artikolo pri Esperanto aperis perslingve en konata ĵurnalo Ettelaat numero 947 – la 12an de la januaro 1930.



**Jafar Naghavi Khamenei:** Li naskiĝis en la jaro 1886 en Tabrizo. Li estis Fama poeto kaj verkisto. Li sciis kelkajn lingvojn ankaŭ Esperanton.



**Azad Hamedani Khansari:** Fama poeto naskita en la urbo Hamedan kiu sciis Esperanton,anglan kaj Francan lingvojn.

**Parviz Zolejn:** Estis irana diplomato, naskita en Tehrano en la jaro 1924 (=1303). Li ankaŭ estis fama kaj lerta fotisto kaj karikatoristo. Li sciis kelkajn lingvojn I.a nian internacian kaj verdan lingvon Esperanto. Li forpasis en la jaro 1999 (=1378).





**Behruz Servatian:** Li naskiĝis en la jaro 1937 en la urbo Miandoab. Lia edzino estas fama esperantistino Parvin Servatian. Li verkis libron en Esperanto por instrui la persan alfabeton al neperslinganoj.








**Vartan Vartanijan:** En Jarlibro 1912 aperas lia nomo sur la paĝo 166 kiel vendejo Espero en Tabriz.

**Vartan Vartanijan:** En Jarlibro 1912 aperas lia nomo sur la paĝo 166 kiel vendejo Espero en Tabriz.

**Kazem Saffari:** Li estis estrarano (sekretario ) de PEA. Lia letero aperis en la libro de Bahman Ŝejdani. Li rakontas ke li lernis Esperanton nur dum 2-3 tagoj.


P. E. A.

Persa Esperanto Asocio

Honora prezidanto:

Prezidanto

Ĝenerala secretario:

U. E. A.

Universala Esperanto Asocio

12 Boulevard du Théâtre (Genève)

## Kaj menciinde aliaj:

**Abbas Davaĉi:** Li estis estrarano (kasisto ) de PEA kaj aperis lia nomo kaj en la libro de Ŝejdani kaj en la revuo Pars.

**Boghrat Mikailijan:** Li estis uea-delegito en la urbo Ghuĉan en la jaro 1916 (=1295).

**Mohammd Labib:** Li estis uea-delegito en la urbo Ghazvin en la jaro 1920 (=1299).

**Bughdan Hajraptian:** Li estis uea-delegito en la urbo Anzali en la jaro 1923 (=1302).

**A . Rubrik:** Li estis uea-delegito en la urbo Raŝt en la jaro 1923 kaj 1924.

**Fazlolah Khan Parviz:** Li estis uea-vicdelegito en la urbo Arak (Soltanabad) en la jaro 1926 (=1305) kaj 1932 (=1311).

**Habibollah Taherzade:** Li estis uea-delegito en la urbo Masĝedsolejman en la jaro 1932 (=1311).

**Mirza Mahmud Golŝani:** Li estis uea-delegito en la urbo Raŝt en la jaro 1932 (=1311) kaj 1933 (=1312).

**Ali Morad Talebi:** Li estis uea-delegito en la urbo Gonbadkavus en la jaro 1939 (=1318).

## Fontoj:


1-" Historio de Esperanto en Irano " – 14 partaj artikoloj en la revuo Irana E-isto – verkitaj per s-ro Ali Reza Doulatŝahi.

2- Esperanto EN Irano laŭ UEA Jarlibroj - 3 partaj artikoloj en la revuo Irana E-isto – n-roj: 9,10,11 - verkitaj per s-ro Reza Torabi.

3-Historio de la lingvo Esperanto – Edmond Privat – paĝo 136 - 155

4-Irano. La unua subtenanto de Esperanto – Ahmad Mamduhi –La revuo Irana E-isto n-ro: 8 – p: 5-8

5- La dua lingvo – MHSZ- Tehrano 1384-Atai eldonejo

# Angla kaj Esperanto; Ne Malamikoj!



## Esperanto kiel forta ilo por ellerni Anglan

*D-ro Hamed Sufi*
*Ŝahid Beheŝti Universitato de Medicinaj Sciencoj*

"Esperanto? Ĉu vere? Vi jam tute perdis vian racion! Malfermu viajn okulojn kaj bonrigardu viajn ĉirkaŭaĵojn; ĉu al vi ne eblas diveni, ke jam de longe Angla fariĝis la tutmonda lingvo? Vi devas haltigi vian malutilan Esperantan lernadon, kaj do ne plu malŝparu vian tempon!" Jes! kiel antaŭvidite, vi nun eklegis tre konatajn plendaĵojn, kiujn vi eblege jam aŭdis el via ĉirkaŭantaro konstante.
Ĉi tiaj eldiroj forte instigis min por skribi tiun ĉi artikolon, en kiu vi poste tralegos vastajn profitojn de lerni/gi Esperanton por pli bone regadi fremdlingvojn, vidpunkte de la ligvistiko. Atentigindas ĉirilate, ke oni konsideru, ke ĉi tia profito prezentita en ĉi artikolo, estas sole unu el la gravaj diversaj kialoj por lerni/gi Esperanton. Antaŭ ĉio, mi klarigu, ke ĉi teksto sole montras ĝeneralajn profitojn de Esperanto kaj pli detalaj studoj ja farindas helpe de lingvistoj kaj ĉirilataj esploristoj.



Se vi jam majstras Esperanton, vi ankaŭ potenciale kapablas scipovi aliajn lingvojn, precipe tiujn de Eŭropa lingvaro ekz. Anglan, plirapide kaj pliprofunde!

### Ĝeneralaj avantaĝoj de Esperanto por lernado de fremdlingvoj

Jen interesa fakto pri lernhelpa efiko de Esperanto: Ĉi lingvo surprize ne nur lernplifaciligas Eŭropajn lingvojn, sed ankaŭ draste utilas al la lernado de alifamiliaj lingvoj tutmondaj.



Unuavide, Esperanto verŝajnas pli simile al Eŭropaj lingvoj, ĉar la vortradikaro de ĉi lingvo plejparte Eŭropdevenas. Sed ni ĉikaze konsideru la fakton, ke pere de la aglutineca trajto de Esperanto, ĉiu parolanto uzinte radikojn (kaj eĉ afiksojn, finaĵojn, prepoziciojn, konjunkciojn, korelativojn kaj numeralojn) povas konstrui kunmetite multegajn novvortojn, kiuj ne plu samos aŭ similos al Latinidaj lingvoj. Envere, el ĉiuj lingvoj tutmonde vivantaj, ja Esperanto estas la plej aglutina lingvo, kiu entute ne havas esceptojn. Surprize, la aglutineco de Esperanto malabundas en lingvoj Hindeŭropaj (sed pliabunde normalas en alifamiliaj lingvoj ekz. Japana, Svahila aŭ Turka).




Plie, Esperanto ankaŭ gramatike treege flekseblas; ĉi gravega eco ebligas Esperantajn parolantojn uzi ĉi lingvon tiom diversmaniere, kiom plej konvenas al ili surbaze de frazstrukturo de siaj propraj patrinaj lingvoj. Prepozicioj, ekzemple, multkaze povas esti eviteblaj, ĉar la frazkonstruo de Esperanto ne sole limiĝas je ajna nefleksebla speciala formo; tial oni povas laŭkaze interŝanĝeble apliki objektformon, prefiksformon, adverbformon, aŭ eĉ verbformon.

Do, la lernado de prepozicioj, kiu estas unu el la plej defiaj problemoj de plejmultaj mondaj lingvoj por komencantoj, facilege solveblas en Esperanto.
Pere de ĉi fleksebleca trajto de Esperanto, ĉiu lernanto povas konstrui novformajn frazpartojn kaj strukturojn, kiuj ne plu troviĝas en la Hindeŭropa lingvaro; ĉi karakterizo donas al lernantoj plivaste lingvistikan komprenon de alilingvoj kaj siavice ebligas onin por bonkvalite majstri fremdlingvajn diversformajn gramatikojn eĉ je la altaj niveloj. La vaste konata Esperantlingva aŭtoro kaj poeto, William Auld, jam klarvide notis ĉirilate tiele ĉi: "Se Esperanto estus lingvo tute eŭropa, ĝi certe jam ŝajnus malpli akceptinda en pluraj mondpartoj, kie, male, ĝi estas hodiaŭ relative populara kaj uzata."


William Auld (1924-2006)

Krom la supre menciitaj profitoj, la memkonfida sento, kiun Esperanto estigas en la koroj de lernantoj, ebligas ilin pli ekscite sekvi la lernadan procezon de fremdlingvoj. Ĉirilate, Enciklopedio de Esperanto bonstile jam klarigis tiele ĉi: "La Esperanta gramatiko havas tri ĉefajn ecojn: simplon, mallongon kaj logikecon. Pro la logikeco ĝi estas facile lernebla ankaŭ por malpli talentaj infanoj, kiuj multokaze bezonas nur solan sukceson (kaj tion ja donas al ili la studado de Esperanto) por ke la ambicio vekiĝu en ili: tiel ili kapabliĝas venki ankaŭ la malpli facilajn taskojn. Kaj la pli talentaj -ĉiu infano, kaj eĉ plenaĝulo posedas konsiderindan emon je ĝeneraligo- post fino de Esperanto kurso ne povas jam imagi la timigan malfacilon de aliaj fremdlingvoj."
krome de ĉi tiaj specifaj trajtoj de Esperanto, kaj konsiderante ĝin kiel iu lingvo facile lernebla, notindas ke surbaze de vastaj sciencaj eltrovoj far de la lingvistikaj esploristoj, tiuj personoj, kiuj povas paroli du lingvojn samtempe (dulingvuloj), ankaŭ potenciale kapablas pli facile scipovi ajnan trian lingvon.
laste sed ne balaste, notindas ke pere de Esperanto oni povas tre facile komunikiĝadi kun alilandanoj, parolantaj alilingve, kaj do plirapide rompante lingvajn barojn, bonkvalite interesiĝos pri fremdaj kulturoj. Ĉi atingaĵo valorega, kiun Esperanto unike donas al lernantoj, kondukas al pli bone komprenadi de kultura kaj lingva diverseco kaj do rapidigas la procezon de fremdlingvaj lernadoj. Por tre efike majstri iun lingvon apartenante al ajna lando, necesegas, ke oni endroniĝi vaste en la tiea kulturo, kaj pere de Esperanto, ĉi afero pli efike atingeblos.

## Specialaj profitoj de Esperanto por masjtri Anglan

Unuafoje, frua elstara Esperanto-aktivulo, Antoni Grabowski, atentigis onin pri la propedeŭtika valoro de Esperanto en lia artikolo titolita "Esperanto kiel propedeŭtiko de lingvoj" en la jaro 1908. Li evidente asertis tiele ĉi: "… per la faktoj mem falas la malnova antaŭjuĝo, ke Esperanto estas malamiko de aliaj lingvoj, ĉar ĝi donas la preparon, sen kiu la fremdlingva instruado estas tre malfacila ... Pri tio konvinkiĝis la Francoj, Angloj, parte ankaŭ ni Poloj, do baldaŭ ankaŭ en niaj lernejoj Esperanto devas fariĝi la nepre necesa propedeŭtiko de lingvoj."


Antoni Grabowski (1857-1921)

Laŭ la Metodo Paderborn, prof. Helmar Frank en Paderbornaj elementaj lernejoj en 1975 kaj 1976, entreprenis sciencan eksperimenton. Tiu esploro evidente montris, ke lerni Esperanton plifaciligos lernadon de Anglan je 30%. Poste de tiu studo, pliaj vastaj eksperimentoj fariĝis kaj montris similajn eltrovojn eĉ pli bone je 40%.
Pri kialoj kaj kieloj de ĉi tiaj valoregaj avantaĝoj ni plie babilu. Unuafoje, tiam, kiam mi ekis lerni Esperanton, miasperte, mi ektrovis, ke pro la simpligita formo de Esperanta vortskribado, en la kazo de vortoj, kiuj estas radike similaj/samaj inter Angla kaj Esperanto, mi multfoje renkontis kun ortografiaj problemoj; sed tuj poste mi persone rimarkis, ke ĉi tiaj problemoj solveblos tre simple. Aliflanke, atentigindas ke la simpla maniero de vortskribado en Esperanto, en la kazo de menciitaj similradikaj vortoj, eĉ utilas al lernantoj vidpunkte de la fonetika rego de Angla (prononcia kaj skriba manieroj de multaj vortoj en Angla ne ekzakte samas unu kun la alia, do helpe de literuma alfabeto de Esperanto en multaj kazoj oni povas distingi la pliĝustan formon de prononciado de vortoj).
Laŭ leksika vidpunkto, Esperanto ankaŭ funkcias kiel fortega ilo por plifaciligi ellernado de Anglaj vortoj. Unue, ni konsideru ke la plejmulta parto de vortradikoj de Esperanto devenas de iama reginta monda lingvo, Franca;



Do pro tio, ke el ĉiuj lingvoj tutmondaj, Angla leksike plejparte profitis de Franca, tial Esperanto kaj Angla leksike tre similas. Jen miasperta listo de Anglaj vortoj, kiuj senpere de Esperanto ne estas facile lerneblaj, radike samaj aŭ similaj inter Esperanto kaj Angla (De maldekstre dekstren: Esperanta vorto, ĝia Angla kaj Persa ekvivalento, respektive):

- Abato / abbot / راهب بزرگ
- abdiki / abdicate / استعفاء دادن
- abismo / abysm / مغاک
- abolicio / abolition / ملغی کردن
- aborto / abortion / سقط جنین
- abrikoto / apricot / زردآلو
- absceso / abscess / آبسه
- absolvi / absolve / عفو کردن
- abstini / abstain / امتناع کردن
- abundi / abound / فراوان بودن
- adepto / adept / فرد زبردست
- admiralo / admiral / دریا سالار
- admoni / admonish / اندرز دادن
- adoleska / adolescent / بالغ
- adori / adore / عشق ورزیدن
- adulto / adultery / خیانت زناشویی
- advokato / advokate / وکیل مدافع
- adzo / adze / تیشه
- afero / affair / موضوع، امر
- agiti / agitate / آشفته کردن، آژیته کردن
- aglo / eagle / عقاب
- agonio / agony / جان کندن
- agrabla / aggreeable / مطبوع
- agreso / aggression / تعرض
- ajna / any / هر ... که باشد
- akacio / acacia / اقاقیا
- akceli / accelerate / تسریع کردن
- akiri / acquire / حصول
- aklamo / acclaim /تحسین
- akompani / accompany / همراهی کردن
- akordo / accord / هماهنگی
- aksiomo / axiom / اصل مسلم
- akso / axis / محور
- akurata / accurate / وقت شناس، خوش قول
- akuta / acute / حاد
- akuzi / accuse / متهم کردن
- akvarelo / aquarelle / آبرنگ
- aleno / awl / درفش
- almozo / alms / صدقه
- altaro / altar / قربانگاه
- aludi / allude / عطف کردن
- ambasadoro / ambassador / سفیر
- amnestio / amnesty / عفو عمومی
- amputi / amputate / قطع عضو
- amuzi / amuse / سرگرم کردن
- anekdoto / anecdote / حکایت کوتاه
- anekso / annexation / الحاق
- ankro / anchor / لنگر
- antaŭĉambro / antechamber / پیش اتاقی
- antaŭdiluva / antediluvian / کهن سال، کهنه پرست
- antipatio / antipathy / انزجار
- aparteni / appertain / تعلق داشتن به
- apetito / appetite / اشتهاء
- aplaŭdi / applaud / تشویق کردن
- apostolo / apostle / حواری
- apreci / appreciate / قدردانی کردن

- arbitra / arbitrary / اختیاری، دلخواه
- ardo / ardour / گرمی، حرارت
- arkta / arctic / شمالگان
- aromo / aroma / ماده معطر
- asembleo / assembly / مجمع
- asigni / assign / اختصاص دادن
- aspiri / aspire / آرزو داشتن
- atesti / attest / گواهی دادن
- aŭtentika / authentic / موثق
- avareco / avarice / طمع، خساست
- avida / avid / حریص
- azilo / asylum / پناهگاه

- Babili / babble / یاوه گفتن
- baloto / ballot / برگه اخذ رأی
- bambuo / bamboo / خیزران
- banala / banal / پیش پا افتاده
- bapti / baptism / تعمید
- barako / barrack / آلونک
- bari / bar / بازداشتن
- barikado / barricade / سنگربندی
- batalo / battle / رزم
- beko / beak / منقار
- besto / beast / چهارپا
- blokado / blockade / مسدود کردن
- boko / buck / قوچ
- braceleto / bracelet / النگو
- brano / bran / سبوس
- breĉo / breach / رخنه
- bredi / breed / پروردن
- brido / bridle / عنان
- brilianto / brilliant / درخشان
- brovo / brow / ابرو
- burĝono / burgeon / غنچه

- Cinika / cynical / کلبی
- cipreso / cypress / سرو
- citadelo / citadel / ارگ
- civila / civil / مدنی

- Ĉasta / chaste / پاکدامن
- ĉemizo / chemise / پیراهن
- ĉesi / cease / متوقف کردن

- Debuto / debut / آغاز به کار
- dediĉi / dedicate / پیشکش کردن
- deficito / deficit / کسری، کمبود
- defraŭdi / defraud / فریفتن
- deklami / declaim / دکلمه کردن
- deklari / declare / اعلام کردن
- deklini / decline / انحطاط
- deklivo / declivity / شیب
- delegi / delegate / نمایندگی دادن
- deliro / delirium / هذیان
- demoralizi / demoralise / تضعیف روحیه کردن
- deporti / deport / تبعید کردن، اخراج کردن
- depozicio / deposition / استشهاد
- deputi / depute / نماینده انتخاب کردن
- derivi / derive / مشتق کردن
- despoto / despot / حاکم مستبد
- digno / dignity / شأن
- diligenta / diligent / سخت کوش
- dinastio / dynasty / سلسله پادشاهی
- disipi / dissipate / اسراف کردن
- diskrediti / discredit / بی اعتبار ساختن
- diskreta / discreet / محتاط
- distingi / distinguish / تمیز دادن
- doko / dock / بارانداز
- droni / drown / غرق شدن

- Ebla / able / ممکن
- edifi / edify / تهذیب کردن
- efika / efficient / مؤثر
- egala / equal / برابر
- eĝo / edge / لبه
- ekskurso / excursion / گلگشت
- ekspedi / expedite / گسیل کردن
- ekspluati / exploit / بهره برداری کردن
- ekspozicio / exposition / نمایشگاه
- ekstermi / exterminate / برانداختن
- ekzili / exile / تبعید کردن
- eleganta / elegant / برازنده
- emblemo / emblem / نشانه
- embusko / ambush / کمین
- emfazo / emphasis / تاکید
- engaĝi / engage / متعهد کردن
- enigmo / enigma / معما
- envio / envy / رشک
- epigrafo / epigraph / کتیبه
- epigramo / epigram / قطعه هجایی
- epilogo / epilogue / ختم مقاله
- epitafo / epitaph / وفات نامه
- epiteto / epithet / کنیه
- epoko / epoch / دوره، عصر
- erudicio / erudition / دانشوری
- escepto / exception / مستثنی
- estetiko / esthetics / زیبایی شناسی
- evakui / evacuate / تخلیه کردن
- eventuala / eventual / محتمل الوقوع
- evitebla / evitable / اجتناب پذیر

- Fakiro / fakir / زاهد هندی
- fakultato / faculty / دانشکده
- faldi / fold / تا کردن
- fanatika / fanatic / متعصب
- farti / fare / گذران کردن
- festono / festoon / گلبند
- flati / flatter / تملق کردن
- flegma / phlegmatic / بلغمی مزاج
- fontano / fountain / فواره
- forĝi / forge / آهنگری
- frajto / freight / کرایه حمل

- fraŭdo / fraud / فریب
- frenezo / frenzy / دیوانگی
- furioza / furious / خشمگین

- Galo / gall / صفرا
- gemo / gem / گوهر
- genio / genius / نبوغ
- gesto / gesture / ژست
- gliti / glide / لیز خوردن
- gracia / gracile / نحیف
- grandioza / grandiose / با جبروت
- grenado / grenade / نارنجک
- groteska / grotesque / عجیب و مضحک
- grumbli / grumble / نق زدن

- Ĝirafo / giraffe / زرافه

- Hajlo / hail / تگرگ
- halto / halt / مکث
- haremo / harem / حرمسرا، اندرونی
- hasti / haste / شتافتن
- haŭli / haul / کشیدن به طرفی
- haveno / haven / بندرگاه
- heĝo / hedge / پرچین
- heziti / hesitate / دودل بودن
- hieno / hyaena / کفتار
- himno / hymn / سرودِ ثنا
- hiperbolo / hyperbole / مبالغه
- honoro / honour / افتخار
- hororo / horror / دهشت
- hurdo / hurdle / مانع

- Ĥaoso / chaos / آشفتگی
- ĥameleono / chamaeleon / آفتاب پرست
- ĥoro / choir / دسته کُر

- Ilumini / illuminate / آذین بستن
- inaŭguri / inaugurate / افتتاح کردن
- inciti / incite / سر خشم آوردن
- indigno / indignation / رنجیدگی
- inercio / inertia / اینرسی
- inerta / inert / راکد
- inkrusti / encrust / مرصع کردن
- inkvizicio / inquisition / استنطاق
- interezo / interest / بهره
- intermita / intermittent / متناوب
- intima / intimate / صمیمی
- intrigo / intrigue / دسیسه
- inundi / inundate / غرقاب کردن

- Jaĥto / yacht / کشتی تفریحی
- jubileo / jubilee / جشن یادبود
- juristo / jurist / حقوقدان
- justico / justice / دادگستری
- juvelo / jewel / جواهر
- ĵaluza / jealous / حسود
- ĵus / just / اندکی پیش

- Kabano / cabin / کابین
- kaĝo / cage / قفس
- kajako / kayak / کایاک
- kajo / quay / اسکله
- kajto / kite / بادبادک
- kaldrono / caldron / دیگ
- kano / cane / نی
- kanono / cannon / توپ جنگی
- kapitulaco / capitulation / کاپیتولاسیون
- kaprico / caprice / هوی و هوس
- karavano / caravan / کاروان
- karesi / caress / نوازش
- kasto / caste / طبقه اجتماعی
- kastri / castrate / اخته کردن
- kataro / catarrh / زکام
- katedralo / cathedral / کلیسای جامع
- kavalerio / cavalry / سواره نظام
- kavaliro / cavalier / شوالیه
- kaverno / cavern / غار
- kerno / kernel / مغز هسته
- klara / clear / واضح
- klariono / clarion / شیپور نظامی
- klaŭno / clown / دلقک
- klaŭzo / clause / ماده قانونی
- kliento / client / ارباب رجوع
- klini / incline / خم کردن
- knedi / knead / سرشتن
- koko / cock / خروس
- kokono / cocoon / پیله ابریشم
- kolego / colleague / همکار
- kolonelo / colonel / سرهنگ
- kolonio / colony / مستعمره
- komando / command / فرمان نظامی
- komenci / commence / آغاز کردن
- komentario / commentary / تفسیر نوشتن
- komerco / commerce / تجارت کردن
- kometo / comet / ستاره دنباله دار
- komodo / commode / کمد
- kompetenta / competent / شایسته
- komplimento / compliment / تعارف
- konciza / concise / موجز
- konfidi / confide / واثق شدن
- konfiski / confiscate / مصادره کردن
- konkeri / conquer / چیره شدن
- konkreta / concrete / عینی
- konscienco / conscience / وجدان
- konsekvenco / consequence / پیامد
- konsili / counsel / اندرز دادن
- konsoli / console / همدردی کردن
- konspiri / conspire / توطئه چینی کردن
- konstitucio / constitution / قانون اساسی
- konsulo / consul / کنسول
- konsulti / consult / استشاره کردن
- kontrakto / contract / قرارداد

